3.ª Epoko * N.° 82 : Marto * 1924 :

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj * Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## IMPRESO

Ĉiutage, por gajni miajn vivrimedojn, mi promenas la stratojn vizitante klientojn, kaj je la unua horo, kiam butikoj kaj oficejoj, grandaj fabrikoj kaj modestaj laborejoj fermas siajn pordonjn elĵetinte sur la stratojn sennombran anaron da bruemaj laboristoj, mi ankaŭ revenadas hejmen ĉu kontenta pro la atingita negoco, ĉu pripensema evitante renkontiĝon kun gaja gejunularo svarmanta ĉiudirekten.

En unu el tiaj tagoj, kiam mi alvenis hejmen, trovis, kiel kutime, sur mia skribotablo leterojn, telegramon kaj skribaĵojn kolektitajn dum mia foresto; inter ili mi ekvidis rozkoloran gazeton kun altira titolo kaj signifa alegorio: ĝi estis la Bulteno de la Dua Kongreso. Vole, nevole tuj mi sidis kaj... humile konfesas mian pekon... mi eklegis.

Kian efekton kaŭzis al mi la legado, nur mia edzino povas klarigi, ĉar enua pro mia silento al siaj alvokoj, stariĝis antaŭ mi dirante: almenaŭ dek fojojn mi vokis cin, la supo, duonhoron sur la tablo, jam malvarmiĝis, kaj ci nek aŭdas, nek vidas, nek sentas ion, ci estas en ekstazo; Esperanto plene absorbas ciajn spiriton

## IMPRESIÓN

A diario, para ganar mis medios de vida, paseo las calles visitando clientes, y a la una, cuando tiendas y oficinas, grandes fábricas y modestos talleres cierran sus puertas después de echar a las calles bulliciosa muchedumbre de obreros, yo también regreso a mi casa, unas veces contento por el negocio conseguido, otras pensativo evitando tropiezos con alegres parejas de jóvenes que hormiguean en todas direcciones.

En uno de esos días, cuando llegué a casa, encontré, como de costumbre, sobre mi mesa escritorio cartas, un telegrama y notas recogidos durante mi ausencia; entre ellos apercibí un periódico de color rosa, con atrayente título y significativa alegoría: era el Boletín del Segundo Congreso. Quieras o no quieras, en seguida me senté y... humildemente confieso mi pecado..., me puse a leer.

Qué efecto me causó la lectura, solamente mi esposa puede explicarlo, pues enojada por mi silencio a sus llamadas, se plantó delante de mí, diciendo: lo menos diez veces te he llamado, la sopa media hora sobre la mesa, ya se ha enfriado y tú ni oyes, ni ves, ni sientes nada, estás en éxtasis; el Esperanto absorbe

kaj sentojn; akompanu min en la tagmanĝo kaj poste eltrinku la nektaron de tiu gazeto.

Efektive tion mi faris ree kaj ĝuis nepriskribeblan plezuron. La belaspekta skatolo entenas dolĉegan sukeraĵon por plej postulema frandemulo.

Decas ke oni enmetu en honoran paĝon, la akcepton de lia Reĝa Moŝto Alfonso XIIIa, kiu per bonvola prezido altvalorigas la signifon de niaj kongresoj. La bulteno balbutas majstre per buŝo de sia moŝta direktoro, kaj ĉe mi vekis enon de tutplena simpatio; ne alimaniere povus sin esprimi por plej bone sintezi miajn korsentojn. En apuda ŝranko aŭdiĝas brueto kaj mi ekvidas nian etan, humilan bultenon de la unua Kongreso ĝojplene dancanta kaj fiera pro la rememoro de ĝia honorinda posteulo; je ĝia nomo mi permesas al mi esprimi plej sincerajn dankojn.

Daŭrigante la legadon mi nescias kion pli bone laŭdi, ĉar en ĝi trovigas ĉio dezirinda kaj kontentiga por ĉiu: korekta instruo, interesa historio, gaja amuzo, sprita ŝerco, seriozoj laboroj, programo, dankinda invito per sonoraj versoj, babilado, k. t. p., k. t. p., ĉio tre bone verkita de diversaj kunlaborantoj, ĉiu kun sia speciala dirmaniero, sed ĉiam laŭ tute fundamenta Zamenhofa stilo, klara, simpla, komprenebla lingvaĵo, tia estas la bulteno.

Kun ridetanta mieno kaj la bulteno en la poŝo mi iris en la redaktejon por komuniki al miaj kunlaborantoj la kontentiĝon, kiu penadis elsalti for, kaj tie mi estis akceptata per demando, ĉu vi ricevis la bultenon? Ĉiuj estis jam ricevintaj ĝin kaj ĉiuj opiniis same ol mi; la afero bone marŝadas kaj la malforta suĉinfano, kiu en Valencio plenumis sian unuan jaron, baldaŭ aperos en Bilbao jam dujara, kun alloga rideto sur la ruĝaj lipoj, rozaj vangoj, inteligenta rigardo kaj majesta sinteno; ĝi, kvazaŭ infano Jezuo,

por completo tu espíritu y tus sentidos; acompáñame a comer y después apura el néctar de ese periódico.

En efecto, así lo hice repetidamente y gocé un placer inexplicable. El estuche, de hermoso aspecto, contiene una confitura dulcísima para el más exigente goloso.

Conviene que se coloque en la página de honor la aceptación de S. M. el Rey D. Alfonso XIII, quien con su benévola presidencia da alto valor a nuestros Congresos. El boletín balbuce magistralmente por boca de su señor director y en mí despertó un eco de profunda simpatía; no de otra manera podría expresarse para sintetizar mejor mis sentimientos. En un armario contiguo se oye un ruidito y me apercibo de que nuestro pequeño y humilde Boletín del Primer Congreso está bailando lleno de gozo y orgullo por el recuerdo de su honorable sucesor; en su nombre me permito expresar las gracias más sinceras.

Continuando la lectura, no sé qué puedo alabar mejor, pues en él se encuentra todo lo deseable y lo que puede contentar a todos: correcta instrucción, interesante historia, alegre pasatiempo, ingeniosa broma, trabajos serios, programa, atenta invitación en sonoros versos, conversación, etc., etc., todo ello muy bien escrito por diversos autores, cada cual con su especial manera de decir, pero siempre según el fundamental estilo de Zamenhof, lenguaje claro, sencillo, comprensible: tal es el Boletín.

Con sonriente talante y el Boletín en el bolsillo, me fuí a la Redacción para comunicar a mis colaboradores el contento que pugnaba por salir al exterior y allí fuí recibido con la pregunta: ¿Usted ha recibido el Boletín? Todos lo habían ya recibido y todos opinaban lo mismo que yo: el asunto marchaba muy bien y el desvalido niño de pecho que en Valencia cumplió su primer año, pronto se presentará en Bilbao ya de dos años, con atrayente sonrisa en los rojos labios, rosadas mejillas, inteligente mirada y ma-

sin prezentos en la templo, antaŭ la doktoroj de la leĝo por diri: mi estas vero kaj vivo, tamen vi ne kredas al mi; miaj vortoj estas pacaj kaj amaj, sed vi traserĉas ĉiuspecajn barojn por nuligi min aŭ eviti mian aleston. Vanaj estos viaj penadoj kaj la suno lumigos tagon kiam la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian.

Longe ni babiladis pri tiel interesa temo, kaj priparolis la diversajn punktojn, kiujn ni devas serioze studi por alporti nian modestan sableron, sed tio ja estas afero pli malrapida. Nia nuna celo estas nur respondi la saluton de niaj bravaj kamaradoj el Bilbao, montrante la impreson kaŭzitan ĉe ni de ilia bulteno. ¡Antaŭen kun nekontraŭstarebla fido, karaj samideanoj! ¡La estonto estas nia!

M. CAPLLIURE.

jestuoso continente; a modo de Niño Jesús se presentará en el Templo, ante los Doctores de la Ley para decir: yo soy verdad y vida y, sin embargo, no me creéis; mis palabras son de paz y de amor, pero vosotros rebuscáis toda suerte de obstáculos para anularme o evitar mi presencia. Inútiles han de resultar vuestros esfuerzos y el sol alumbrará un día en que los pueblos, de común acuerdo, formarán una gran reunión familiar.

Largo rato charlamos sobre tan interesante tema y tratamos diversos puntos, los cuales debemos estudiar seriamente para aportar nuestro modesto grano de arena, pero esto en verdad es asunto de mayor detenimiento. Nuestro objetivo actual es solamente contestar al saludo de nuestros valientes camaradas de Bilbao, mostrando la impresión que nos ha causado su Boletín. ¡Adelante, con fe inquebrantable, queridos colegas! ¡El porvenir es nuestro!

M. CAPLLIURE.

# Pri reorganizado

Pravegaj estas ĉiuj, kiuj juĝas necesa la plej grandan unuiĝon inter la esperantistoj, ĉu de la vidpunkto internacia, ĉu de la nacia, por atingi kiel eble plej baldaŭ nian sopiratan celon en la mondo. Kie unuiĝo ne ekzistas, ne estas forto. Tial oni rememoras sufiĉe ofte al ni,—kvankam ni, malfeliĉe por nia progreso, preskaŭ neniam volas atenti la bonan konsilon,—ke izolita haro estas facile rompebla, sed hararo aŭ simpla kunplektaĵo da haroj devenas nerompebla.

Lasante do tute flanke la neceson de nia unuiĝo, ĉar ĝia nepreco ŝajnas al mi evidenta kaj tre bone elmontrita de niaj lertaj pioniroj, mi opinias, ke oni devas pripensi kaj proponi ian difinitan planon,

# De reorganización

Mucha razón tienen los que juzgan necesaria la mayor unión entre los esperantistas, ya desde el punto de vista internacional, ya desde el nacional, para lograr lo más pronto posible nuestra suspirada finalidad en el mundo. Donde la unión no existe, no hay fuerza. Por eso se nos recuerda bastante frecuentemente—aunque nosotros, por desgracia para nuestro progreso, casi nunca queremos atender el buen consejo—que un cabello aislado es fácil de romper, pero una cabellera o una sencilla trenza de cabellos se vuelve irrompible.

Dejando, pues, totalmente a un lado la necesidad de nuestra unión, puesto que su imprescindibilidad me parece evidente y muy bien demostrada de nuestros diestros batalladores, yo opino que

celantan la plej efikan kaj praktikan rimedon por tia unuiĝo.

Pri la internacia aspekto de l' afero, la problemo ŝajnas solvita depost la decidoj akceptitaj ĉe la du lastaj universalaj Kongresoj esperantistaj, en Helsingfors kaj Nürenberg. La solvo restas en la manoj de niaj plej kompetentaj institucioj esperantistaj, kies agado sendube kontentigos ĉiujn. Sed la demando pri la nacia aspekto de l' problemo aperas ankoraŭ senresponda kaj sensolva, almenaŭ por ni, hispanoj, kaj urĝas reorganizi kaj kunigi ĉiujn disigitajn elementojn, antaŭ nemulte da jaroj formantaj fortikan kunligon, kiu tre alte subtenis nian esperantan standardon, vigle kaj entuziasme direktitaj de efikaj organismoj, animitaj de la plej sindonemaj pioniroj.

Grandega malĝojo ja invadas nin, kiam ni konsideras kia domaĝo estas la fakto pri la malapero de tiom da grupoj, tiom da organizitaj societoj propagandaj ĉiam kreskantaj, kiuj ekzistis en nia lando! Sed la kaŭzo de tiu konstatita fakto estas bone konata de ĉiuj, ĉar, kiel tre prave asertas la Redakcio de La Suno Hispana en sia prezenta artikolo ĉe la januara numero, «la milito malantaŭenirigis nian movadon kaj haltigis ĝin tiel, ke ni devas alifoje propagandi nian karan lingvon kvazaŭ ni estus reirantaj en la 1903an jaron». Tial nun, kiam la grandega katastrofo forpasis, kiam la spiritoj ŝajnas reakiri sian memregadon por sin liveri al la amo por la grandaj idealoj—sentemo, kiu estis kvazaŭ dormanta ĉe la homoj,—mi denove havas esperon pri tio ke ekzistas la ebleco revivigi tiujn grupojn, tiujn organismojn perditajn, kies enkorpigo en la reentreprenitan movadon esperantistan estas tiel dezirinda.

Por atingi tiun celon—kaj sendepende de tio, kion starigis kaj starigos pri

se debe discurrir y proponer algún plan definido que tienda a conseguir el medio más eficaz y práctico para tal unión.

En el aspecto internacional del asunto, el problema parece resuelto después de las decisiones acordadas en los dos últimos Congresos universales esperantistas, en Helsingfors y Nuremberg. La solución está en las manos de nuestras más competentes instituciones esperantistas, cuya actuación indudablemente contentará a todos. Pero la pregunta en cuanto al aspecto nacional del problema aparece todavía incontestada y sin solución, al menos para nosotros los españoles, y urge reorganizar y reunir todos los elementos disgregados, que no hace muchos años formaban una robusta coalición que sostenía muy alta nuestra bandera esperantista, vigorosa y entusiásticamente dirigidos por eficaces organismos, animados por los más abnegados luchadores.

¡Una tristeza inmensa nos invade en verdad, cuando consideramos lo lamentable que es el hecho de la desaparición de tantos grupos, tantas sociedades de propaganda organizadas y siempre crecientes, que existían en nuestro país! Pero la causa de ese hecho comprobado es bien conocida de todos, pues, como muy justamente afirma la Redacción de La Suno Hispana en su artículo de presentación del número de enero «la guerra hizo retroceder nuestro movimiento y lo detuvo de manera que debemos otra vez propagar nuestra querida lengua, como si volviésemos a penetrar en el año 1903». Por eso ahora, cuando la terrible catástrofe pasó ya, cuando los espíritus parecen recobrar su dominio sobre sí mismos para entregarse al amor de los grandes ideales—sentimiento que estaba como dormido en los hombres—yo nuevamente concibo la esperanza de que existe la posibilidad de resucitar aquellos grupos, aquellos organismos perdidos, cuya incorporación al movimiento esperantista que renace es tanto de desear.

Para alcanzar aquel fin—e independientemente de lo que estableció y esta-

Federacioj kaj Konfederacio la okazinta «Kongreso de esperantistoj de Iberiaj landoj» en Valencio kaj tiu, kiu baldaŭ okazos en Bilbao,—mia opinio estas, ke devas ekzisti ia komitato direktanta la tuthispanan movadon, kiu prenu sur sin la taskon respondi ĉiun peton pri organizado, faciligi al kiu ajn la rimedojn propagandajn kaj encentrigi la disigitajn fortojn ĉiuspecajn por plej efika rezultato de la laboro.

Sed mankante nun tiu direktanta organismo, ŝajnas al mi ke ĝian plej taŭgan anstataŭanton ni devas havi en la hispana esperantista gazetaro, kiu devas esti kvazaŭ ligilo de ĉiuj samideanoj, kiuj estas devigataj alporti sian apogon al la gazetoj, el kiuj ili ricevos la kompensajn fruktojn.

Kaj por prediki per ekzemplo, por esti kiel eble plej praktikaj, ni komencas de nun nian interkomunikon kun la diritaj apartaj elementoj, sendante tiun-ĉi gazeton al ĉiu persono kiu aperas kiel partopreninto en la esperantista movado tiama, kun fervora alvoko al ĉiuj, ke ili bonvolu penadi por la vekigo de siaj Societoj, kie ĉi tiuj ekzistis, aŭ por la starigo de tiaj organismoj aŭ grupoj, kie ili ne estis kreataj, sin turnante al ni petante sciigojn, informojn, k. c., kiuj faciligos ilian laboron kaj certe taŭgos por atingi brilan sukceson. Tiucele ni estas pretaj por helpi ĉiun amikon de Esperanto, kvankam li ankoraŭ ne estas esperantisto aŭ li ne posedas la lingvon internacian, ĉar ni havas je lia dispono presigitajn regularojn por la funkciado de grupoj, prospektojn propagandajn kaj alian taŭgan materialon.

Tiamaniere ni povos skui la gravan paralizon kiu, pro la devigaj cirkonstancoj dum la lastaj jaroj, senmovigis nian aferon, neebligis la konstantajn rilatojn inter la esperantistoj kaj estis kaŭzo, ke la pli granda nombro da tiuj ĉi laciĝis kaj

blecerá sobre Federaciones y Confederación el celebrado «Congreso de esperantistas de tierras Ibéricas» en Valencia y el que pronto se celebrará en Bilbao—mi opinión es que debe existir algún Comité que dirija el movimiento en toda España, el cual se imponga la tarea de responder a toda petición sobre organización, que facilite a quienquiera que sea los medios de propaganda y que concentre las disgregadas fuerzas de toda especie para el más eficaz resultado de la labor.

Pero faltando ahora ese organismo directivo, me parece que su sustitución más acertada debemos buscarla en la prensa esperantista española, que debe ser como el lazo entre todos los correligionarios, los cuales están obligados a prestar su apoyo a los periódicos, para recibir de éstos los compensadores frutos.

Y para predicar con el ejemplo, para ser lo más prácticos posible, empezamos desde ahora nuestra correspondencia con dichos elementos apartados, enviando esta revista a toda persona que aparezca como partícipe del movimiento esperantista de entonces, con el ferviente llamamiento a todos para que se dignen esforzarse en despertar sus Sociedades, donde éstas existieron, o en establecer tales organismos o grupos, donde no hayan existido, dirigiéndose a nosotros pidiendo noticias, informes, etc., que facilitarán su trabajo y seguramente servirán para conseguir un éxito brillante. A este fin, estamos dispuestos a ayudar a todo amigo del Esperanto, aunque todavía no sea esperantista o no posea la lengua internacional, pues tenemos a su disposición Reglamentos impresos para el funcionamiento de grupos, prospectos de propaganda y demás material adecuado.

De esta manera podremos sacudir la grave parálisis que, por imposición de las circunstancias durante los últimos años, inmovilizó nuestra empresa, imposibilitó las constantes relaciones entre los esperantistas y fué causa de que la mayor

restis tute izolitaj. Nun ili devas veki denove kaj liveri sin kun entuziasmo al la realigo de la sama idealo, kiun nepre ni atingos per laborado kaj unuiĝo.

Kun malfermitaj brakoj kaj fratiga sento en la koro ni atendas do la alvenon de bonvolaj homoj, kiuj deziras alproksimiĝi al ni. Antaŭen!

F. SOLER VALLS.

parte de éstos se cansaran y quedaran completamente aislados. Ahora deben despertar de nuevo y dedicarse con entusiasmo a la realización del mismo ideal, que indefectiblemente lograremos por medio del trabajo y la unión.

Con los brazos abiertos y sentimientos de fraternidad en el corazón esperamos, pues, la llegada de hombres de buena voluntad, que deseen aproximarse a nosotros. ¡Adelante!

F. SOLER VALLS.

# Dua Kongreso de Iberiaj Esperantistoj en Bilbao

Ni ricevis la unuan numeron de la Bulteno de la Dua Kongreso de Iberiaj Esperantistoj, okazonta en Bilbao de la 19ª ĝis 22ª de proksima junio.

Niaj kamaradoj el Bilbao laboradis ĝis nun silente, multe kaj kun granda sukceso. Ili atingis jam ke lia Reĝa Moŝto Alfonso XIIIª akceptis honoram prezidantecon, kaj vic-prezidantecon Sroj. Prezidanto de la Deputitaro el Vizcaya kaj Urbestro de Bilbao. Plie ili atingis moralan kaj materian helpon de altrangaj personoj.

### Honora Komitato de la IIª Kongreso de Iberiaj Esperantistoj

*Prezidanto:* Lia Reĝa Moŝto Alfonso XIIIª.
*Vicprezidantoj:* Sro. Prezidanto de la Deputitaro de Vizcaya kaj Sro. Urbestro de Bilbao.
*Membroj:* Sro. Johano Ulpiano Migoya kaj Sro. Gregorio Prados Urquijo.

### Organiza Komitato

*Prezidanto:* Sro. Petro Icaza Gangoiti.
*Sekretario:* Sro. Johano Gracia.

# Segundo Congreso de Esperantistas Ibéricos en Bilbao

Hemos recibido el primer número del Boletín del Segundo Congreso de Esperantistas Ibéricos, que tendrá lugar en Bilbao en los días 19 al 22 de junio próximo.

Nuestros camaradas de Bilbao han trabajado hasta ahora en silencio, mucho y con gran éxito. Han conseguido ya que S. M. el Rey acepte la presidencia honoraria y las vicepresidencias los señores Presidente de la Diputación de Vizcaya y Alcalde de Bilbao. Además, cuentan con el apoyo moral y material de distinguidas personalidades.

### Comité de honor del II Congreso Ibérico Esperantista

*Presidente:* S. M. el Rey D. Alfonso XIII.
*Vicepresidentes:* Sr. Presidente de la Diputación de Vizcaya y Sr. Alcalde de Bilbao.
*Miembros:* D. Juan Ulpiano Migoya y D. Gregorio Prados Urquijo.

### Comité organizador

*Presidente:* D. Pedro Icaza y Gangoiti.
*Secretario:* D. Juan Gracia.

*Vicsekretario:* Sro. Felikso Jaŭsoro.
*Kasisto:* Sro. Teodoro Elizondo.
*Voĉdonantoj:* Sroj Julio Escauriaza, Eŭgenio Lunate, Patricio Llano kaj Emanuelo Elezcano.

### Literatura Konkurso

Unua temo.—Originala prozaĵo beletristika, konsistante el minimume 2 000 vortoj.—Temo laŭvola.

*Unua premio 100 pesetojn.*—Dua premio 50 pesetojn.

Dua temo.—Traduko de la ĉapitroj 8.ª kaj 9.ª,-1.ª parto el la gravega verko *Don Quijote de la Mancha.*

*Unua premio 100 pesetojn.*—Dua premio 50 pesetojn.

—

### Notoj klarigaj

I. La verkoj prezentotaj devas esti verkitaj en Esperanto.

II. La aŭtoroj de la premiitaj verkoj ricevos belan diplomon kaj enkadrigitan portreton de Doktoro Zamenhof.

III. Ĉiuj verkoj devas esti skribitaj tre legeble, mane aŭ maŝine, kaj porti «moton» aŭ pseŭdonimon de l' aŭtoro; la nomon oni devas sendi en fermita koverto sursignita per la sama «moto» aŭ pseŭdonimo.

IV. Ĉiuj verkoj devas esti senditaj al «Comité Organizador del II Congreso de Esperantistas Ibéricos».—Merced, 1, Bilbao (España).

V. La lasta templimo por ĉiuj verkoj estas la 1.ª de junio 1924ª.

*Vicesecretario:* D. Félix Jausoro.
*Tesorero:* D. Teodoro Elizondo.
*Vocales:* D. Julio Escauriaza, D. Eugenio Lunate, D. Patricio Llano y D. Manuel Elezcano.

### Concurso Literario

Tema primero.—Composición literaria original en prosa, consistente por lo menos de 2.000 palabras —Tema libre.

*Primer premio, 100 pesetas.*—Segundo premio, 50 pesetas.

Tema segundo.—Traducción de los capítulos 8.º y 9.º, 1.ª parte de la importantísima obra *Don Quijote de la Mancha.*

*Primer premio, 100 pesetas.*—Segundo premio, 50 pesetas.

—

### Notas aclaratorias

I. Los trabajos qne se hayan de presentar deberán estar escritos en Esperanto.

II. Los autores de las obras premiadas recibirán un hermoso diploma y un retrato del Dr. Zamenhof, con cuadro.

III. Todos los trabajos deben estar escritos muy legibles, a mano o a máquina, y llevar un lema o pseudónimo del autor; el nombre debe ser enviado en sobre cerrado, marcado exteriormente con el mismo lema o pseudónimo.

IV. Todos los trabajos deben ser enviados al «Comité Organizador del II Congreso de Esperantistas Ibéricos», Merced, 1, Bilbao (España).

V. El último plazo para todos los trabajos es el 1.º de junio de 1924.

---

### 7ª Specimena Valencia Feiro

La Organiza Komitato de tiu-ĉi internacia merkato decidis okazigi ĝin de la 10ª ĝis la 25ª de majo nunjara.

La propaganda komitato ankaŭ uzas Esperanton por la internaciaj rilatoj.

Adreso: Poŝta kesto nº 132, Valencio, Hispanio.

### 7.ª Feria Muestrario de Valencia

El Comité Organizador de este mercado internacional ha decidido tenga lugar del 10 al 25 de mayo del año actual.

El Comité de propaganda también se vale del Esperanto para las relaciones internacionales.

Dirección: Apartado de correos número 132, Valencia, España.

# XVIª Universala Kongreso de Esperanto en Wien-Vieno

---

### 7.—14. Aŭgusto 1924

LOKA KONGRESA KOMITATO

1ª *Prezidanto*: Johano Schroeder, redaktoro; 2ª *Prezidanto:* Otto Simon, kom.-ak., profesoro; 3ª *Prezidanto:* Oskar E. Zimmermann, oficestro; *Organizanto k. ĉefsekretario:* Franz J Schade, prokuristo; *Financestro:* Jozefo Schamanek, burĝlerneja eksdirektoro; *L. K. K.-anoj por specialaj taskoj:* inĝ. Ferdinand Hartwich, kortega konsilanto; Vojtech Klatil, desegnisto; Heinrich Schicketanz, komercisto; Karl Otto Sikor, komercisto; Walter Smital, magistrata oficialo; Dro. Edmund Sós, dentkuracisto; Franz Zwach, ekskolonelo.

---

La listo de la aranĝantoj por la fakaj konferencoj estas en preparo kaj anoncota al ĉiu interesulo per cirkulero aŭ gazetraporto.

### Gravaj sciigoj

*Aliĝo.* Ĉiu, kiu pagis la kongresan kotizon, estos registrata kiel kongresano kaj rajtas ricevi kongreskarton kiel legitimacion, krom ĝi insignon kaj kongreslibron, laŭbezone ankaŭ raportojn necesajn por ĉiuj kongresanoj.

*Kotizo.* La porkongresa laboro kaŭzas sufiĉe grandajn elspezojn, tial la Loka Kongresa Komitato devas peti, ke la samideanoj tre baldaŭ aliĝu kaj tuj pagu la kotizon laŭ speciala tabelo sur la aldonita Aliĝilo.

*Banko.* Al eksterlandanoj ni rekomendas sendi la kotizon simple en registrita letero, aldonante la necesan sumon per monbiletoj aŭ poŝtmarkoj ilialandaj aŭ per bankĉeko; alie ni devus peti pagon

# XVIº Congreso Universal de Esperanto en Viena

---

### 7.—14. Agosto 1924

COMITÉ LOCAL DEL CONGRESO

1. *Presidente:* Juan Schroeder, redactor; 2. *Presidente:* Otto Simon, profesor de Comercio; 3. *Presidente:* Oskar E. Zimmerman, jefe de Negociado; *Organizador Secretario General:* Franz J. Schade, Procurador; *Tesorero:* José Schamanek, ex director de Colegio; *Vocales para trabajos especiales:* Ingeniero, Fernando Hartwich, consejero de Estado; Vojtech Klatil, dibujante; Enrique Schicketanz, comerciante; Carlos Otto Sikor, comerciante; Walter Smital, oficial de Sala; doctor Edmundo Sos, dentista; Franz Zwach, Coronel retirado.

---

La lista de los organizadores de las distintas conferencias está en preparación, y será comunicada a cada interesado por circular o en la Prensa.

### Noticias importantes

*Adhesión.* Los que paguen la cuota del Congreso serán inscritos como congresistas que tienen derecho a recibir la tarjeta del Congreso, como legitimación; además, la insignia, el libro del Congreso y, según sea necesario, las informaciones oportunas a todos los congresistas.

*Cuota.* La labor del Congreso ocasiona bastantes gastos, por lo que el Comité Local del Congreso se ve en la precisión de suplicar que los samideanos se adhieran cuanto antes y abonen sin retraso su cuota según la tabla especial inserta en la tarjeta de adhesión.

*Banco.* A los extranjeros recomendamos remitan la cuota de congresista simplemente en carta certificada, incluyendo la cantidad necesaria mediante papel moneda o sellos de correo de sus

per banko en ilia lando al nia kongresbanko en Wien, adreso: Wiener Bankverein, Wien, kun la rimarko: Konto Esperanto-Kongreso Wien.

*Vojaĝo.* La Loka Kongresa Komitato jam nun interrilatas kun la Aŭstrujaj kaj per ili kun la eksterlandaj fervojaj oficejoj, por ricevi kontentigan rabaton, kiu malaltigos la vojaĝelspezojn.

*Pasporto.* De la Aŭstruja registaro — ministro por eksterlandaj aferoj — ankaŭ tiurilate jam nun estas postulita la kutima faciligo koncerne la kongresvojaĝon. Ni treege deziras, ke la konsuloj sufiĉe frue estu informitaj pri la konsenta decido de nia registaro.

*Loĝigo.* Por kongresanoj ĉiam la loĝigo estas tre grava afero kaj en tiu ĉi direkto la Loka Kongresa Komitato havas vere respondecan taskon. Tial ekzistas en Wien jam nun speciala komitato el fakuloj kun la necesaj spertoj, por prizorgi grandan nombron da ĉambroj taŭgaj por niaj ŝatindaj gastoj. Multaj el ili trovos lokon en diversrangaj hoteloj, tute laŭdezire, sed pli multaj povos ricevi litojn privatajn, pagante nur malaltan prezon.—Pri

*Manĝado.* same kiel pri la loĝigo, la Loka Kongresa Komitato sendos ankoraŭ precizajn informojn, ĉar precipe ĉi tiuj demandoj devigas al zorga preparo. Sed jam nun ni povas garantii al nia kara samideanaro la tute kontentigan kapablon de nia bonege konata kongresurbo Wien en tiuj rilatoj. Ĉu vi deziras vivi ĉi tie laŭ unuaranga maniero kiel riĉegulo, ĉu laŭ duaranga aŭ eble nur kiel ŝparema vojaĝanto kontentigebla ankaŭ per tre simpla kvalito: vi nur bezonos elekti kaj vi nepre trovos, kion vi serĉis.

naciones o por medio de cheque; de otra suerte encarecemos el pago por medio de sus bancos respectivos a nuestro banco del Congreso de Viena, cuya dirección es: Wiener Bankverein, Wien, con la indicación siguiente: Konto Esperanto-Kongreso, Wien.

*Viaje.* El Comité Local del Congreso se halla ya en relación, por medio de las austriacas, con las oficinas ferroviarias extranjeras, con objeto de obtener conveniente rebaja que disminuya los gastos del viaje.

*Pasaporte.* Respecto al particular se ha suplicado ya al Gobierno austriaco—Ministro de Estado—las facilidades oportunas, relativamente al viaje para el Congreso.—Verdaderamente deseamos que los cónsules sean informados con la antelación debida acerca del consentimiento que a ello presten nuestras Autoridades.

*Alojamiento.* Para todo congresista constituye el alojamiento un asunto importante, y en cuanto al particular, el Comité Local del Congreso puede garantir un buen resultado. En efecto, existe ya en Viena actualmente un Comité especial compuesto de técnicos con la experiencia necesaria para disponer de gran número de habitaciones apropiadas para nuestros huéspedes más exigentes. Muchos de ellos encontrarán alojamiento en hoteles de todas clases, a su completa satisfacción; pero otros muchos más podrán obtener camas en casas particulares pagando por ellas precios módicos.

*Comida.* Lo mismo que en cuanto al alojamiento, el Comité Local del Congreso remitirá informes precisos, pues principalmente estas cuestiones obligan a una preparación cuidadosa. Pero, desde ahora, podemos garantizar a nuestros queridos camaradas la absoluta capacidad de nuestra bien conocida ciudad del Congreso, Viena, en cuanto a estos menesteres.—Acaso deseáis vivir aquí como un potentado del más alto rango; acaso como persona de segundo rango, o como el viajero que no quiere gastar y que se contenta con todo, no necesitáis más que

*Informoj.* La konstanta sekretario de la XVI^a^ jam funkcias. Bezonante iun ajn informon, vi skribu sub la sola kaj simpla adreso: Esperanto-Kongreso, Wien. Specialaj oficejoj kompreneble funkcios dum la kongres-semajno: por vojaĝaferoj, monaferoj, demandoj pri loĝigo k. c. en la

*Kongresejo.* La plej bela, la plej komforta, la plej taŭga por nia celo palaco en Wien jam estas garantiita por la grandaj solenaj kunvenoj. Domego kun belega akceptejo kaj konvena informejo kun halo por promenado kaj interbabilado, kun ekspoziciejo, kun tri diversampleksaj salonegoj, kun garderobejoj, kunsido-ĉambroj, restoracio k. c. estos al via dispono. La Kongresejo, meze en la centra parto de la granda urbo, meze inter la ĉefaj vidindaĵoj, meze inter belegaj parkoj kaj grandiozaj muzeoj. proksima al gravaj amuzejoj, certe plaĉos al vi, karaj amikoj, kaj certe vi bedaŭros, kiam vi devos forlasi ĝin, por hejmenvojaĝi.

*Kongres-Programo. Pri tio ni jam nun devas informi vin, ke la XVI^a^ komenciĝos la 6^an^ de Aŭgusto, vespere, kaj finiĝos la 13^an^ aŭ 14^an^. Dum la unuaj 3 tagoj la ĉefa tasko estos la laboro por Esperanto, la lastaj 3 tagoj estos ĉefe amuzigaj, kaj en la mezo troviĝos granda, publika, serioza manifestacio por Esperanto.*—Speciala celo de la L. K. K. estos, interkonsente kun la K. K. K., bone gardi pri vere internacia kaj neŭtrala karaktero de la deksesa Kongreso.

*Fakaj Konferencoj.* Ankaŭ estos aranĝataj, sed nur, kiam ekzistas personoj gvidantaj por ili, kiuj povas garantii vere

elegir y encontraréis todo lo que podáis desear.

*Informes.* La Secretaría del Congreso XVI^o^ ya funciona. Si deseáis alguna información escribid con esta única dirección: Esperanto-Kongreso, Wien. Oficinas especiales actuarán naturalmente durante la semana del Congreso; en cuanto a informes acerca del viaje, asuntos monetarios, preguntas sobre alojamiento, etcétera, en el

*Palacio del Congreso.* El más hermoso, el más confortable, el más a propósito para nuestro objeto palacio de Viena, está ya comprometido para las grandes y solemnes reuniones. Grandiosa mansión con hermosísimo recibimiento y conveniente sala de noticias, con local adecuado para charlar y pasear, con exposición, con tres amplísimos salones, con guardarropas, salas para conferencias y reuniones, restaurant, etc., etc., se halla a vuestra disposición. El Palacio del Congreso, situado en medio de la parte más céntrica de la gran urbe, rodeado de las vistas más principales, de parques encantadores, grandiosos museos, próximo a las más importantes diversiones, seguramente os satisfará, queridos amigos, y seguramente deploraréis tenerlo que abandonar para regresar a vuestros hogares.

*Programa del Congreso.* En cuanto a esto, podemos ya informaros que el XVI^o^ comenzará el 6 de agosto por la tarde y terminará el 13 ó el 14. Durante los primeros tres días, nuestra principal ocupación será la de trabajar por el Esperanto, los últimos tres días serán principalmente destinados a fiestas y diversiones, y en medio tendrá lugar una grande, pública y solemne manifestación esperantista.—Objeto especial del Comité Local del Congreso será, con el consentimiento del Comité constante de Congresos, cuidar por todos los medios que el décimosexto Congreso conserve su verdadero carácter internacional y neutral.

*Conferencias especiales.* También se organizarán, pero únicamente cuando existan personas que las dirijan y puedan

seriozan laboron de tiaj konferencoj, intensan preparon, preskaŭ la sukceson mem de tia konferenco. Jam nun estas certaj multaj fakaj konferencoj, precipe de: Blinduloj, Fervojistoj, Instruistoj, Junuloj, Katolikoj, Komercistoj, Kuracistoj, Policistoj, Poŝtistoj, Teknikistoj, k. c. — Organizoj, kiuj havas socialan, politikan, pacifistan aŭ alian, ne tute neŭtralan programon, devas entrepreni konferencojn aŭ kongresojn memstare kaj tute aparte, ne kunligante ilin kun la XVI<sup>a</sup>. — Oni postulu de la L. K. K. la «Instrukciaron» por aranĝantoj de fakkonferencoj.

*Helpo.* Kara XVI-ano, vi mem ankaŭ povas kunhelpi, por certigi iurilate la dezirindan sukceson de nia Wien'a Kongreso. — 1e Vi tuj aliĝu! — 2e Vi atentigu amikojn en diversaj landoj, kun kiuj vi korespondas, ke ili ĉiuj nepre veturu al la XVIa Wien'on, ĉu unuope, ĉu karavane, se tiu aranĝo estos ebla. — 3e Vi uzu la propagandomarkojn de la XVIa, por ke ne estu unu homo en la tuta vasta Esperantujo, kiu ne scias pri nia XVIa. — 4e Vi subskripciu por la Garantia Kapitalo de la XVIa iun sumon sendanĝere, ĉar laŭ la ĝisnunaj spertoj tiurilataj via garantia mono tute ne, aŭ almenaŭ ne tute, t. e. nur proporcie, estus postulota. — 5e Vi simple donacu iun sumon al la kaso de la XVIa. — 6e Vi raportu al la vialandaj ĵurnaloj pri la aranĝo de la XVIa Universala Kongreso de Esperanto en Wien dum Aŭgusto 1924a. — Jen, elektu, samideano; vi povas helpi multmaniere!

Do: Aliĝu tuj vi mem, varbu amikojn kaj subtenu iomete la grandan laboron de la L. K. K.!

FRANZ J. SCHADE.

garantizar un trabajo verdaderamente serio en tales conferencias, una intensa preparación, en una palabra: casi el éxito mismo de la conferencia. Actualmente podemos contar con los siguientes: Ciegos, Ferroviarios, Maestros, Jóvenes, Católicos, Comerciantes, Médicos, Policías, Oficiales de Correos y Telégrafos, etc. — Las organizaciones que tienen programa social, político, pacifista u otro por el estilo, que no sea neutral, deben emprender lo relativo a sus conferencias o congresos, personalmente y separadamente, con absoluta independencia del Congreso XVI°. — Pídanse al Comité Local del Congreso las «Instrucciones» para los organizadores de conferencias especiales.

*Auxilios.* Querido décimosextano, tú mismo puedes ayudar también para asegurar de algún modo el deseable éxito de nuestro Congreso de Viena. — 1.° ¡Adhiérete en seguida! — 2.° Llama la atención a tus amigos con quienes te cartees, incitándoles a que vengan al XVI° Congreso en Viena, ya separadamente o en caravana, caso de que esto sea posible. 3.° Usa los sellos de propaganda del XVI° para que no exista ni un sólo hombre en toda la inmensa región esperantista que no esté enterado de nuestro XVI°. — 4.° Suscríbete al Capital de Garantía del XVI° por cualquier cantidad, sin peligro alguno, ya que las experiencias hasta el presente en ese respecto demuestran que tu participación de garantía no te será pedida, y de serlo, será en cantidad proporcional a tu garantía. — 5.° Da alguna cantidad a la caja del Congreso. — 6.° Informa a tus diarios nacionales respecto de la organización de nuestro XVI° Congreso Universal de Esperanto en Viena en el mes de agosto de 1924. — Ahí tienes para elegir, camarada; puedes ayudarnos de muy diverso modo.

Así, pues, adheríos inmediatamente vosotros mismos, atraed a vuestros amigos y subvencionad un poco para la labor grande del Comité Local del Congreso.

FRANZ J. SCHADE.

# Grava cirkulero

## Internacia Radio-Asocio

London, 15 februaro, 1924.

Estimata Amiko,

Kun la rapida kresko de radio-brodkastado kaj amatora interkomunikado diverslande dum la pasintaj monatoj, la bezono por simpla neŭtrala internacia radio-lingvo konstante kaj forte sentiĝis, kaj, kiel vi scias, nur Esperanto prezentas taŭgan solvon de la problemo.

Aliflanke, la Esperantistoj, nature konsciante la internacian gravecon de Radio, estis inter la unuaj rekoni ĝiajn eblaĵonj kunligi la mondon.

Mi do havas multe da plezuro anonci la fondon de la *Internacia Radio-Asocio*, detalojn pri kiu mi aldonas per la ĉi-kuna folio.

Pro la certeco, ke tre baldaŭ (pli baldaŭ, ol multaj supozas) la diversaj Radio-organizacioj devos konsideri la demandon pri internacia lingvo por Radio, estas plej grave, ke nia Asocio estu kiel eble plej granda kaj reprezenta.

Mi do tre petas, ke vi, ĉar vi kredeble jam interesiĝas pri la temo, fariĝu membro de la Asocio, enskribante detalojn sur la ĉi suba formulo, kaj pagante la kotizon (unu svisa franko aŭ ekvivalento). Tiu malgranda kotizo, mi timas, estos nesufiĉa por kovri la necesajn elspezojn, kaj mi tre danke ricevus donacojn.

Se vi havas amikojn interesitajn, bonvole faru vian tutan eblon instigi al ili, ke ili aniĝu. Vi rimarkos, ke membreco *ne* estas limigita al Esperantistoj.

Atendante la favoron de via respondo,

Mi restas,

Samcele via,

HARRY A. EPTON.

# Circular importante

## Asociación Radio internacional

Londres, 15 febrero 1924.

Estimado amigo:

Con el rápido incremento de la radio-comunicación *(broadcasting)* y la inter-comunicación de los aficionados de diversos países durante los últimos meses, se ha sentido con gran insistencia la necesidad de una lengua internacional, sencilla y neutral, destinada a la radio-comunicación, y, como usted sabe, sólo el Esperanto presenta una solución adecuada al problema.

Por otra parte, percatados naturalmente los Esperantistas de la importancia internacional de la *Radio*, han sido de los primeros en reconocer las posibilidades de esta aplicación para entrelazar el mundo.

En la certeza de que pronto (más pronto de lo que muchos suponen) las diversas radio-organizaciones tendrán que considerar la cuestión de un idioma internacional destinado a la *Radio*, es de la mayor importancia que nuestra Asociación sea lo más grande y representativa posible.

Ruego, pues, a usted encarecidamente, puesto que quizá esté usted ya interesado en este asunto, que se haga miembro de la Asociación, inscribiendo los detalles en la fórmula abajo consignada, y pagando la cuota (un franco suizo o su equivalente). Esta pequeña cuota tal vez sea insuficiente para cubrir los gastos necesarios, por lo cual agradecería recibir algún donativo.

Si usted tiene amigos a quienes interese esto, tenga la bondad de hacer todo lo posible para conseguir que se asocien, observando que esta invitación *no* está limitada a los Esperantistas.

Esperando ser favorecido con su respuesta, quedo de usted att°. s. s.,

HARRY A. EPTON.

Mi deziras esti membro de la Internacia Radio-Asocio, kaj enmetas ĉi kune la kotizon..... (kaj donacon.....)

Mi posedas / ne posedas aparaton sendan / ricevan. Mia Voknumero estas..... Mi apartenas al la Radio-Societo..... en.....

Subskribo.....

Adreso.....

Lando.....

(Forstreku vortojn nebezonatajn).

---

Deseo ser miembro de la Asociación Radio internacional, y envío adjunto la cuota de..... (y donativo de.....)

Poseo / No poseo aparato transmisor / receptor. Mi número de llamada es..... Pertenezco a la Sociedad Radio..... en.....

Firma.....

Dirección.....

Nación.....

(Táchense las palabras innecesarias).

---

## Regularo de la Internacia Radio-Asocio

*Prezidanto:* Dr. Pierre Corret (8 AL). Comité Intersocietaire de T. S. F., 97 Rue Royale, Versailles, France.

*Honora Sekretario:* Harry A. Epton, F. B. E. A., 17 Chatsworth Road, London, E. 5.

### CELOJ

1. Faciligi rilatojn inter Radiuloj tutmonde per la internacia lingvo *Esperanto.*

2. Liveri teknikan helpon kaj informon de internacia karaktero per Esperanto al ĉiu interesitan pri Radio, Esperantisto aŭ ne.

3. Ellabori la Esperantan radio-vortaron.

4. Eldoni «Internacia Radio-Revuo», kiu, interalie, per Esperanta resumo de originalaj artikoloj el diversaj lingvoj, disponebligos al la legantaro teknikajn dokumentojn alie nehaveblajn kaj kompreneblajn nur tre malfacile.

5. Pritrakti ĉion alian, kiu estas en la kampo de internacia radio-asocio ĉi tia.

### MEMBRECO

Povas membriĝi ĉiu persono, Esperantisto aŭ ne, kiu sin interesas pri Radio, amatore aŭ profesie, kaj favoras la

## Reglamento de la Asociación Radio internacional

*Presidente:* Dr. Pierre Corret (8 AL). Comité intersocietario de T. S. H., 97, rue Royale, Versalles, Francia.

*Secretario honorario:* Harry A. Epton, F. B. E. A., 17, Chatsworth Road, London, E. 5.

### FINES

1. Facilitar las relaciones entre los que empleen la radiocomunicación en todo el mundo, por medio de la lengua internacional Esperanto.

2. Auxiliar técnicamente y dar informes de carácter internacional en Esperanto a todo el que se interese por la radiocomunicación, sea o no Esperantista.

3. Elaborar el diccionario Radio en esperanto.

4. Editar una «Revista Radio internacional», que, entre otros asuntos y valiéndose de un resumen en esperanto de los artículos originales que se publiquen en diversas lenguas, ponga a disposición de los lectores documentos técnicos difíciles de adquirir y más aún de comprender.

5. Ocuparse de todo lo que abarque el campo de semejante asociación radio internacional.

### INGRESO DE SOCIOS

Puede ingresar toda persona, sea o no Esperantista, que se interese por la Radiocomunicación, como aficionado o

adopton de Esperanto kiel la internacia Radio Lingvo.

## KOTIZO

La Jarkotizo en Britujo estas 1 s; alilande unu svisa franko aŭ ties ekvivalento; kiun oni pagu al la Hon. Sekretario je la adreso supre montrita, aŭ al nacia sekretario kie tia ekzistas.

---

Lastmomente ni ricevis la jenan cirkuleran leteron:

«*Internacia Radio-Asocio.*

London, 21 februaro, 1924.

TRE URĜA

Estimata Amiko,

Mi ĵus informiĝis, ke la American Radio Relay League (Sek., K. B. Warner, Hartford, Connecticut, U. S. A.), kiu estas la plej grava amatora radio-organizaĵo en Usono, dum kelka tempo pristudis la demandon pri internacia lingvo por Radio. Oni diras, ke la Ligo konsideras aliajn internacilingvajn skemojn krom Esperanto, kaj deziras scii la komparan disvastiĝon de ĉiu.

Ĉar estas plejnecese, ke la pretendo de Esperanto, kiu estas ne nur la plej taŭga sed ankaŭ la plej vaste uzata el ĉiuj internaciaj lingvoj, estu konvinke prezentataj antaŭ la Ligon, mi forte proponas, ke vi *tuj* skribu al S ro Warner je la adreso ĉi-supra, sciigante lin pri via intereso pri la temo Esperanto kaj Radio, citante vian sperton pri la utilo de Esperanto, kaj dirante, ke viaopinie Esperanto estas la *sola* lingvo konvena por internacia radiado, kaj ke neniu alia estus akceptebla por vi. Instigu al viaj amikoj, kiuj estas interesitaj pri la temo, ke ili ankaŭ skribu aparte laŭ sama senco.

como profesional, y favorezca la adopción del Esperanto como lengua internacional para la Radio.

## CUOTA

La cuota anual en Gran Bretaña es un chelín; en otros países un franco suizo o su equivalente; pagadero al Secretario honorario antes citado, o al Secretario de cada nación, donde éste exista.

---

En este momento recibimos la siguiente carta circular:

«Asociación Radio internacional.

Londres, 21 febrero 1924.

MUY URGENTE

Estimado amigo: Acabo de informarme de que la Liga Americana de Radio Traslación (Secretario, K. B. Warner, Hartford, Connecticut, Estados Unidos de América), que es la más importante organización Radio en dicho país, durante algún tiempo ha estado estudiando la cuestión de una lengua internacional para radiotelefonía. Se dice que la Liga toma en consideración otros esquemas de lengua internacional además del Esperanto, y desea saber el grado de difusión de cada uno.

Como es de la mayor necesidad que la pretensión del Esperanto, que es, no sólo la más adecuada, sino también la más extendida y usada de todas las lenguas internacionales, sea presentada ante la Liga de un modo convincente, ruego encarecidamente a usted escriba *inmediatamente* al Sr. Warner, en la citada dirección, participándole el interés de usted en el tema Esperanto y Radio, citándole la experiencia de usted sobre la utilidad del Esperanto y diciendo que, en opinión de usted, el Esperanto es la *única* lengua conveniente en la radiocomunicación internacional, y que ninguna otra sería aceptable para usted. Insista con sus amigos, a quienes interese el asunto, para que escriban también aparte en el mismo sentido.

Mi petas, petegas, ke vi ne metu ĉi tiun leteron flanken, pensante, ke unu letero pli-malpli ne faros multe da diferenco, sed ke vi *skribu nun*. Ankaŭ sendu al mi karton por diri, ke vi tion faris.

Tre kore via,

H. A. Epton,
Hon. Sekretario».

Suplico muy insistentemente a usted no deje a un lado esta carta, pensando que una carta más o menos no hará mucha diferencia, sino que *escriba usted ahora*. Envíeme también una tarjeta para decirme que usted ya lo ha realizado.

De usted muy afectuosamente,

H. A. Epton,
Secretario honorario».

# FOIROJ

## Esperanto ĉe la Foiro de Lyon

Jam de tri jaroj la Foiro de Lyon oficiale uzas Esperanton por siaj internaciaj reklamo kaj korespondado. Sed tiu uzo, pere de malsuperaj oficistoj aŭ de bonvolaj Esperantistoj, ne sufiĉe kontentigis ĝian Komitaton. Tiu ĉi, konstatinte ke aliaj Foiroj pli kontentige uzas Esperanton kaj konvinkite, ke ĝi povas atingi saman rezulton, decidis ŝanĝi la metodojn ĝis nun uzitajn. Devinte elekti novan estron de la eksterlanda korespondado, ĝi preferis inter pluraj poliglotuloj, S-on Richard Levin, kiu plie estas tre bona Esperantisto kaj do konas sep lingvojn. S-o Levin, krom la oficejo de la eksterlanda korespondado, direktos la Esperantan Fakon de la Foiro. La Komitato de la Foiro de Lyon (adreson: Hôtel-de-Ville, Lyon) plezure respondos al ĉiuj informpetoj en Esp. pri komerco kaj industrio.

## Frankfurt a. M.

La printempa foiro estos aranĝata de 6—12 aprilo nunjara kaj promesas bonegan sukceson. La favoro de la foiro al Esperanto estas konata. Preskaŭ ĉiu numero de la bonega plurlingva organo «Der Bund» enhavas notojn en Esperanto. Specimenoj volonte sendataj. La foiroficejo anoncas la aperon de la ĉefkatalogo kiel manlibro por komercistoj. Oni

# FERIAS

## El Esperanto en la Feria de Lyon

Hace tres años que la Feria de Lyon usa oficialmente el Esperanto para su reclamo y correspondencia internacionales.

Pero ese uso por medio de oficinistas de ínfima categoría o de benevolentes esperantistas, no ha satisfecho bastante a su Comité. Este, constándole que otras ferias usan el Esperanto de una manera más satisfactoria y convencido de que esta feria puede conseguir el mismo resultado que aquéllas, ha decidido cambiar los métodos usados hasta de ahora. Teniendo que elegir un nuevo jefe de la correspondencia extranjera, ha preferido, entre varios políglotas, a D. Ricardo Levin, quien, además, es un buen esperantista y conoce siete lenguas. El Sr. Levin, además de la oficina de correspondencia extranjera, dirigirá la sección Esperantista de la Feria. El Comité de la Feria de Lyon (dirección: Hôtel de Ville, Lyon) con mucho gusto contestará a cuantos informes se le pidan en Esperanto acerca de industria y comercio.

## Frankfurt a. M.

La feria de primavera tendrá lugar del 6 al 12 de abril próximo y promete ser un acontecimiento. El favor que la Feria dispensa al Esperanto es conocido. Casi todos los números de su órgano en varios idiomas «Der Bund» (La Unión) contiene notas en Esperanto. Muestras de éste serán enviadas a quien las pida. La oficina de la feria anuncia la aparición

utiligu la bonan okazon kaj venigu krome la plej novan eksterordinare aranĝitan Esperanton prospekton laŭ adreso: Messamt-Esperanto fako, Frankfurt a. M.

del catálogo principal y el manual para comerciantes. Utilícese tan buena coyuntura y pídase además el novísimo y extraordinaro prospecto en Esperanto a la siguiente dirección: Messamt-Esperanto-fako, Frankfurt a. M.

### Leipzig

La proksima foiro okazos de la 2—8 de marto, ampleksante ĝeneralan specimenan foiron kaj foirojn por tekniko kaj konstrufako. Petu tuj informojn de Messamt, Esperanto-fako, Leipzig.

### Leipzig

La próxima feria tendrá lugar del 2 al 8 de marzo, ensanchando la feria general de muestras y la feria para el ramo de la técnica y construcción. Pedid informes al Messamt Esperanto fako, Leipzig.

## SCIIGOJ

### Internacia Scienca Asocio kaj Tutmonda Esperanta : : Kuracista Asocio : :

Lasta ĉefkunveno (Nürnberga) decidis nur permesi unu klason de Membroj: tian kun revuo t. e. ĝisnuna Membro-Abonanto Jarkotizo por hispanoj konsistas el 12'50 ptj. Membroj estas afable petataj rapidigi la kotizpagon.

Jam estas komenciĝinta la enkasigo del' 1924-aj kotizoj, ĉe la konsulo por Hispanio: D° Roberto Maraury, Villarroel, 19-Salamanca.

«ISA» nuntempe konsistas el 430 unuopaj membroj kaj 220 korporaciaj, apartenantaj al 35 diversaj landoj.

En Nürnberg formiĝis nova redaktoraro de la revuo: D° Kamaryt transprenis la ĉefredaktadon. Manuskriptojn por venontaj numeroj bonvolu sendi al: D° Kamaryt-Felocvichna, 3-Bratislava (Ĉekoslovakio).

Kajeroj 10/12ª estis la lasta numero de la eldonjaro finiĝinta je decembro 1923ª.

Oni starigos novan kontrakton kun eldonejo, ĉu ĝisnuna, ĉu alia prec. postulante regulan ĉiumonatan eliron de po unu kajero.

R. MARAURY.

## NOTICIAS

### Asociación Internacional Científica y Asociación Mundial Médico-Esperantista :

La última reunión principal (de Nurenberg) decidió permitir únicamente una clase de miembros: la de los con revista, esto es, la de aquellos que se han suscrito a ella. La cuota para españoles es de 12'50 pesetas. Suplicándose a los socios suscriptores se sirvan remitir cuanto antes la cuota.

Ya se halla abierto el pago de las cuotas correspondientes al año 1924, al cónsul para España D. Roberto Maraury, Villarroel, 19, Salamanca.

I. S. A., cuenta actualmente con 430 miembros unipersonales y 220 corporativos, pertenecientes a 35 países diferentes.

En Nurenberg se formó nueva redacción de la revista: el Dr. Kamaryt se encargó de la jefatura de la redacción. Los manuscritos para los números venideros deben dirigirse al Dr. Kamaryt-Felocvichna, 3, Bratislava (Ĉekoslovakia).

Los cuadernos 10/12 constituyeron el último número de la edición anual, que finalizó en diciembre de 1923.

Se establecerá nuevo contrato con la editorial, sea la actual, sea otra, interesando la aparición mensual regular de cada cuaderno.

R. MARAURY.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA